12-a jaro. — N-ro 1 (131) JANUARO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro ;

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Konstantaj kunlaborantoj : M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHÜTTER, S-ino L. FAES, M. JAUMOTTE, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**



**JARA ABONPREZO : Fr. 10.—**

**EKSTERLANDE : Fr. 12.50**

ANTVERPENO

1926

12a JARO. N-ro 1 (131) JANUARO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

**MONATA REVUO**

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543.74 | Postceko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## AL NIAJ LEGANTOJ.

Enirante la dek-duan jaron de nia ekzisto, ni prezentas en nuna numero kelkajn plibonigojn, kiujn vi certe ŝatos.

Ni promesas al vi, ke nenion ni preterlasos por ankoraŭ pliinteresigi kaj plibeligi nian organon: kunlaborado por tio jam estas akirita kaj kun plezuro ni antaŭvidas kaj danke akceptas pluajn proponojn.

De nun la gazeto eliros ĉiumonate proksimume je la 15a. Teksto estos akceptata ĝis la 1-a de ĉiu monato.

Se nia organo plaĉas al vi, abonu ĝin kaj varbu por ĝi! Se laŭ vi io mankas aŭ malplaĉas, korespondu kun ni kaj klarigu vian ideon; unuvorte, ĉiu leganto iĝu nia kunlaboranto.

---

La ligaj grupoj estas petataj, kiel eble plej baldaŭ havigi al nia kasisto (S-ro F. Mathieux, 94, Avenue Bel-Air, Uccle - Bruselo) la nomaron de siaj membroj, kune kun la kotiz- kaj abonmono.

La izolaj abonantoj bonvolu senprokraste sendi sian abonpagon al li por 1926. Ili per tio faciligos nian administran laboron kaj evitos al ni senutilajn elspezojn pro enspezigo de la mono.

Ni antaŭe dankas al ĉiuj pro ilia afabla kunhelpo kaj subteno!

B. E.

---

## ESTRARO DE LA AKADEMIO

**POR LA JAROJ 1926 — 1927 — 1928**

**(laŭ la lastaj elektoj)**

Prezidanto: Prof. TH. CART.
Vicprezidantoj: Sro WARDEN kaj D-ro DIETTERLE.
Direktoroj de la 3 Sekcioj: Prof. GROSJEAN-MAUPIN; D-ro LIPPMANN; D-ro PRIVAT.

(Parizo, Januaro 1926.)

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

## 20-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
**Antverpeno 1928.**

Laŭ peto de la Estraro de Belga Ligo Esperantista, S-ino Elworthy-Posenaer, S-roj Oscar Van Schoor, L. Ritschie kaj Fr. Schoofs, — la kvar en Antverpeno restantaj membroj de la «Sepo por la Sepa» (organiza komitato de la 7-a Universala Kongreso de 1911), akceptis funkcii kiel loka organiza komitato, kaj prenis sur sin la taskon prepari kaj organizi la 20-an Universalan Kongreson de 1928 en Antverpeno. — Prezidanto estas S-ro Oscar Van Schoor, Ĝenerala Sekretario: S-ro Fr. Schoofs. Adreso: Kleine Hondstraat, 11 (rue du Petit Chien), Antverpeno. — Laŭnecese tiu komitato pligrandiĝos sian anaron.

1an de Januaro 1926.

# NACIA MONKOLEKTO POR LA SUBAKVIGITOJ.

**Letero de la reĝo**
**al la prezidanto de la Belga Ruĝa Kruco.**

**(Traduko.)** **Bruselo, la 3an de Januaro 1926.**

Mia kara prezidanto,

Profunde emociita de la katastrofo, kiu trafas la landon, mi gratulas la Komitaton de la Ruĝa Kruco de Belgujo pro ĝia iniciativo kaj mi dankas la ĝeneralan Asocion de la Gazetaro pro ĝia multvalora kunlaboro.

Ni ĉiuj sendu helpon al niaj malfeliĉaj samlandanoj. En komuna gesto de patriota solidareco, rememorante la nedisigeblan unuiĝon, kiu dum la okupado estis nia forto kaj nia fiereco, ni konsideru nian devon, kunhelpi al pridolĉigado de la mizeroj, kies gravecon mi mem povis konstati.

Certa pri tio, ke mi respondos al la deziroj de la Nacio, mi metas je via dispono la kapitalon, kiu estis tiel grandanime prezentita al ni, je la 25-a datreveno de nia edziĝo.

Tiamaniere la obolo de ĉiuj reiros al la lando, por tie disporti senton de konsolo en la nunaj malfeliĉaj horoj.

La reĝino kaj mi, ni aldonas personan donacon de 100.000 frankoj kaj tutkore ni donas nian altan patronadon al via nacia monkolekto.

Kredu min, kara prezidanto,

via sindona,

ALBERT.

(Kiel ni jam sciigis per nia antaŭa numero, la kapitalo de la «arĝenta jubileo» atingas 2 milionojn da frankoj).

**Respondo al la reĝo**

**de la komitato pri la Nacia Monkolekto.**

(Traduko.)

Reĝa Moŝto,

Tuj kiam malfeliĉaĵo ĝin trafas, la belga nacio sin turnas al la Suvereno kiu ĝin enkorpigas, ĉar ĝi scias, ke en ĉiu cirkonstanco la Reĝo kapablos iniciati laŭnecese kaj doni la plej noblan ekzemplon.

Unu fojon plie, la fido de la lando al sia glora estro estis provigita; de la unuaj tagoj la Reĝo kaj la Reĝino ne nur rapidis alporti siajn simpatiojn al la trafitaj loĝantaroj, sed ankoraŭ, per duobla donaco superbele grandanima, ili orientis la esprimon de la nacia solidareco kaj levis ĉiujn helpodonojn al la alteco de la estanta devo.

La ĝenerala Asocio de la belga Gazetaro kaj la Ruĝa Kruco de Belgujo, interpretantoj de la tuta Nacio, esprimas al la Reĝo kaj al la Reĝino siajn sentojn de profunda danko kaj de respekta admiro.

Por la ĝenerala Asocio de la Belga Gazetaro:

EM. HOUSSIAUX.

Por la Ruĝa Kruco de Belgujo:

D-ro P. NOLF.

---

## UNUA LISTO DE LA BELGAJ ESPERANTISTOJ.

**Grupo «La Verda Stelo», Antverpeno:**

| | |
|---|---|
| Familio Fr. Schoofs | fr. 25.— |
| M. De Ketelaere | fr. 20.— |
| Jeanne Van Bockel | fr. 10.— |
| J. kaj C. De Buyser | fr. 10.— |
| G. Vermandere | fr. 20.— |
| W. de Koning | fr. 5.— |
| L. De Hondt | fr. 5.— |
| C. De Prins | fr. 5.— |
| Jeanne Morrens | Fr. 5.— |
| El. De Waegenaere | fr. 5.— |
| G., G. & Y. Van der Veken | fr. 15.— |
| Blanche Lacroix | fr. 5.— |
| Hector Vermuyten | fr. 5.— |
| S-ro & S-ino Maur. Jaumotte (2a pago) | fr. 10.— |
| Maur. Boeren | fr. 5.— |
| | fr. 150.— |

Pagu al poŝtĉekkonto 6566 (Croix-Rouge de Belgique - Rood Kruis van België) aŭ al p.ĉ. konto 133.767 de Belga Ligo Esperantista, kun mencio «Por la subakvigitoj».

# LUDOVIKO DAVID.

Oni rememorigis,dum pasinta monato en nia lando kaj ankaŭ en Francujo, la centan datrevenon de la morto de la pentristo Ludoviko David. Je tiu okazo oni ree rakontis al la homaro la epizodojn multnombrajn de la malkvieta kaj incidentplena vivo de tiu artisto.

Ĉiuj inter ni denove dummomente scias la plej diversajn detalojn pri lia vivo: li naskiĝis en 1748 en Parizo, kaj akiris post kvar malsukcesoj, en 1774, specialan premion, kiu ebligis al li vojaĝon al Romo, kie li studis la malnovajn artverkojn. En 1781 li revenis Parizon; li pentris tie diversajn verkojn, i. a. «le Bélisaire», «la funebra ceremonio de Patroklo», «Sankta Roho» kaj «la Horacoj», kiuj konigis lin al la artema publiko ne nur de Parizo, sed ankaŭ de la eksterlando,kaj en kiuj oni povas diveni se ne ekvidi jam la novan teorion de la artisto, teorion realistan, kiun oni ne nur retrovos en liaj postaj pentraĵoj, sed ankaŭ en lia agmaniero dum la Granda Revolucio. David iĝis efektive «konvenciano» kaj estis inter tiuj, kiuj dekretis la mortigon de la reĝo Louis XVI.




Ludovic David

Estas pro tiu kaŭzo ke, post la venkiĝo de Napoleono, kies korteg-pentristo li estis, la registraro de la «Retronigo» forpelis lin,kaj ke David venis Bruselon,kie li loĝis ĝis kiam li post veturilakcidento mortis en 1825.

Multaj kritikistoj, okaze de tiu rememorigo reeldonis malnovajn kritikojn kaj laŭdojn, rediskutis la kvalitojn sed precipe la malbonajn flankojn de Ludoviko David, kaj ŝajnas al ni, ke ĝenerale la verkintoj de la pritemataj artikoloj estis tro kruelaj kontraŭ tiu iom stranga, sed honesta kaj virta homoZ kiu tamen havis multe pli da bonaj ol malbonaj kvalitoj.

La artkoncepto de David estis tro granda, tro alta, kaj havis tro internacian artinfluon por ke oni povu konsideri lian vivon laŭ ĝiaj



Morto de Marat

« petits côtés » ... — Tre certe, povas ŝajni strange, ke post kiam li iĝis konvenciano kaj mortigis reĝon, li poste reiĝis fidela servanto de Napoleono. Sed ni devas konsideri ke, se David iĝis konvenciano, ne estis pro iu politika amikeco aŭ malamikeco, sed pro tiu granda liberec - vento, kiu, je tiu epoko blovis kaj kies anoncantoj estis la enciklopedistoj d'Alembert, Diderot, Voltaire,Montesquieu kaj ankaŭ Beaumarchais kaj Jean-Jacques Rousseau. Tiun influon tiun senton kiun karakterizas la lukto kontraŭ la «manierismo» de la 18-a jarcento, David sufiĉe montris en siaj pentraĵoj de la «Horacoj» kaj de la «Brutusoj», en kiuj li vidigis sian admiron por la Romanoj de la granda Cezara epoko.

Kaj kiel tiu Cezara epoko havis influon sur David,tiel la pentraĵoj de David influis la spiriton de liaj kunvivantoj.

Kaj kiam post malmultaj jaroj, Napoleono iĝis la imperiestro de la Francoj, li same kiel la aliajn Francojn trovis Ludovikon David inter la admirantoj de sia kuraĝo, volemo kaj batalemo. Ne ekzistas en tiu okazo, kontraŭeco, mallogikeco, sed nur lojala evoluo de la ideoj.

Se do, unuflanke, oni konsideras la antaŭ - revoluciajn pentraĵojn, poste la en la muzeo de Bruselo videblan «Morto de Marat» — kies fotografaĵon ni presas ĉi kune, kaj en kiu, oni admiras la, en tiu tempo, ne



Tombo de David.

konatan realecon de la pentrita subjekto, la malmultnombrecon de la detalaj figuroj kaj la sobrecon de la koloroj, kaj se, oni finas la inspekton per rigardo al la Napoleonaj verkoj, oni same vidas tra la tuta verkaro unu gvidlinion, de kiu li neniam deflankiĝis, la emon al vero kaj belo.

Dum la 18-a jarcento, la arto estis voluptama kaj ĝuama, kaj sekve ege subjektiva. David kontraŭe estas kiel la majstro de la ne-subjektiveco: neniaj nenecesaj artifikoj, nenio malklara, ĉiu pura, vera kaj natura... «Ne contrariez jamais la nature, elle en sait plus long que nous», diris li al unu el siaj lernantoj,la belga pentristo Navez kaj tiu opinio klarigas la kolorar-mankon en la pentraĵoj de David... David pentris la Naturon nur materie, kiel li ĝin vidis, ne laŭ sia spiritstato, kun tonoj, kiujn nur la propra bon- aŭ malbonhumoreco,gajeco aŭ malĝojo metas sur la objektojn.

Kaj se ni volas nun resumi la influon de David sur la Arto, ĝenerale, ni diros, ke estas malprave aserti, kiel oni tion dum lia vivo faris, ke li revivigis mortintan aŭ almenaŭ mortantan arton, tio estas tro da laŭdo, kaj ege malvera. Sed oni rajtas diri, ke David per la kvazaŭ klasika pureco de la formoj, la majstreco de la linioj, sukcesege kontraŭagis la afektan trodelikatecon, la «manierismon», kiel oni internacie diras, de la 18-a jarcento, sed oni devas aldoni, ke la sen-subjektiveco, la preskaŭ malvarmeco de liaj kreitaĵoj estis granda kaŭzo de alia kontraŭago, la Romantiko... Sed ankau tion, ni ne devas bedaŭri, kaj ni estu dankaj al David, ke li, alterne, per liaj kvalitoj kaj difektoj, unuflanke mortigis kvankam subjektivan, tamen ne-vivan artformon,kaj aliflanke re-naskigis alian, novan teorion kiu same subjektivan, tamen multe pli tuŝis nian koron ol la artistoj de la 18-a jarcento tion kutimis fari.

Maur. SEHEDE.

---

# PRI PRINCO, SORCISTINO KAJ DIABLO?

Vesperigis. Sola kaj nekonsolebla, junulo promenadis. Li ĉirkaŭ si nenion vidis; nek la subirantan sunon sendantan sian lastan radion, nek la densan,misterplenan arbaron dolĉe murmurantan pro la ventetokaresoj, nek la floretojn fermantajn sian kronon.

— Ho, li diris mallaŭte, se mi scius, kien ŝin kaŝis la malbenita sorĉistino, mi trapasus ĉion por savi mian karan Rosino'n: Sed, ho ve! mi nenion scias. Ŝiaj gepatroj eĉ ne scias pli ol mi. Kion fari?

Tiel pensante, la junulo nevole alproksimiĝis al la arbaro, kie fariĝis jam tre malhele. Li eniris en ĝin, neatentante la strangajn kreskaĵojn, la misterajn birdojn flugantajn senbrue kaj la ombroplenan ĉirkaŭaĵon.

Li marŝis jam unu horon kiam takta bruo audiĝis. La junulo mire levis la kapon kaj ektremis. La mallumo, kiel funebra vualo, ĉirkaŭis lin; grandaj vespertoj lin ektuŝis per siaj malagrablaj flugiloj; aro da

strangaj kaj gluantaj bestoj moviĝis ĉe liaj piedoj kaj la takta bruo pli kaj pli audiĝis.

Timo premis la koron de princo Lelio. Li volis krii sed ne povis. La teruro lin malhelpis. Ne sciante kien sin direkti en tiu mallumo li alproksimiĝis al la bruo kiu pli kaj pli similis al forĝado.

Li baldaŭ alvenis ĉe kaverno hele lumigita. Tie, o surprizo, forĝisto laboris senhalte. Ĉar li ŝajnas natura homo, la junulo alproksimiĝis.

— Bona viro, li diris mire kaj scivole, por kiu vi laboras tiel fervore? Kiaj estas viaj klientoj en tiu terura kaj soleca loko?

— Ha! Sinjoro, respondis la forĝisto ĉiam laborante, mi laboras por la diablo. Li devigas min rebonigi la kaldronojn uzitajn en infero por la malbonuloj kaj fari najlojn por la kapropiedoj de la inferanaro. Li bone pagas min kaj mi estas kontenta.

Lelio volis respondi sed li subite atente aŭskultis, dirante, dum malvarma ŝvito ekkovras lian frunton:

— Kiaj estas tiuj kriegoj kaj blekegoj?

— Estas la drakoj de la ensorĉita kastelo.

Sorĉistino loĝas tie kaj venigis ilin por gardi la kastelon en kiu ŝi kaŝas belulinon.

Lelio eksaltis. Esperlumeto aperis en liaj okuloj.

— Ĉu ne estus Rosino? li pensis. Ho! mi devas ŝin savi, tiun malfeliĉulinon. Se ŝi ne estas mia amatino, mi tamen estos farinta bonan agon.

— Forĝisto, li diris per tremanta voĉo, helpu min, mi petas. Mi estas preskaŭ certa, ke la kaptita fraŭlino estas mia fianĉino.

Varmegaj larmoj dume fluis el liaj okuloj.

— Bone, bone, respondis la kompatema laboristo, mi certe vin helpos; mi eĉ havas bonegon ideon. La flugmaŝinoj nun ne ankoraŭ ekzistas. La homoj ilin eltrovos nur kiam estos tro malfrue; kiam princoj ne plu estos devigataj savi belulinojn el neatingeblaj kasteloj. Bombardilojn ankaŭ ni ne havas sed ekzistos kiam sorĉistinoj ne plu vivos por esti mortigitaj per ili. Kaj mi tamen donos al vi la eblon repreni vian amikinon.

— Jen: la diablo tre malamas la sorĉistinon. Kial? Mi ne scias. Sed tiu malamo jam de longe datumas. Li, por returni inferon, devas transflugi la sorĉkastelon. La malbonega kastelanino ofte promenadas en sia ĝardeno kaj la diablo por ŝin inciti, ĉiam, pasante, ĵetas sur ŝian kapon la tutan enhavon de grandega najlosako. La virinaĉo tiam furiozas kaj la diablo tutkore ridaĉas. Kaŝu vin en sakon da najloj kaj falu sur la sorĉistinon. Ŝia morto sufiĉas por forigi la drakojn kaj malsorĉigi la tutan arbaron. Estas neeble uzi alian rimedon je tiu afero ĉar alproksimiĝi alimaniere la kastelon vi ne povas pro la drakoj.

La junulo ĝoje akceptis la proponon de la forĝisto. Li ne timis morti pro la falado ĉar li bone sciis ke princoj, savantaj belajn amatinojn, ĉiam edziĝas je l'fino de l'historio, ne pereante do pro siaj aventuroj. Li do estis kvieta enirante en la sakon plenigotan je najloj.

Princo Lelio tute ne ŝatis siajn pintformajn kunvojaĝantojn. Sed li volis ĉion suferi por savi Rosino'n.

Post dek minutoj kiuj ŝajnis jarmilo, li aŭdis bruegon kaj flaris sulfurodoron kiun la diablo nun haladzas.

— Jen la najloj, via diabla Moŝto, diris la forĝisto. Vi certe estos kontenta. Mi tute plenigis la sakon per pezaj, ĉiuspecaj pintegaj najloj.

— Bone, vi estas laborema viro. Jen via rekompenco.

Kaj, ĵetinte plenan monerujon sur la tablon, la inferano tuj malaperis kunportante la sakon.

Tiam [illegible] foro de la ensakigita junulo rapide ekbatis. Tra la maldika saktolo li flaris freŝan aeron kaj baldaŭ li aŭdis, alproksimiĝantajn, la raŭkajn blekadojn kaj terurajn kriegojn de la gardbestoj.

— Jen la malagrabla momento, li pensis. Efektive, la diablo nun superflugis la kastelĝardenon, rapide prenis la sakon per la fundo kaj lerte skuis ĝin, ridaĉante.

Princo Lelio dum momento svenis sed baldaŭ rekonsciis sentante skuegon. Li aŭdis ekkriegon, poste falis teren, vidante apud li la sorĉistinon mortintan. Je tiu momento la tri drakoj fariĝis nigraj nebuloj baldaŭ foriĝantaj.

La bonŝanca amanto, duonsvenante pro emocio, rigardis ĉirkaŭ si. Li neniun vidis. Li trakuris la ĝardenon kaj tuj ekkriis ĝoje. Sur mola herbejo kuŝas belega fraŭlino. Longaj blondaj haroj ĉirkaŭas ŝian delikatan vizaĝon. Ŝi dormas. Longaj okulharoj ombras iomete ŝiajn vangojn sur kiuj fluinta larmo lasis sian freŝan postsignon. Floroj ĉirkaŭas ŝin kaj freŝaj arbetoj dolĉe murmuretas kaj balanciĝas super ŝi.

— Rosino mia, dolĉe diris Lelio, vekiĝu. Vi estas mia. Ĉiuj malfeliĉaĵoj foriĝis. Vekiĝu, karulino mia, vekiĝu.

La junulo ne devis rediri sian peton. Rosino, vekiĝinta, rozkolora pro ĝojo, eksaltis al lia kolo, dolĉe plorante pro tro granda emocio.

Vesperiĝas... Junulo, feliĉplene promenadas kun amatino. Li, ĉirkaŭ si ,nenion vidas: nek la subirantan sunon sendantan sian lastan radion, nek la densan misterplenan arbaron, dolĉe murmurantan pro la ventetokaresoj, nek la floretojn fermantajn sian kronon. Li nur atentas ĉielbluajn okulojn, radiantajn pro ĝojo; densan blondan hararon dolĉe moviĝantan pro la ventetokaresoj; ridetantan buŝon malfermiĝantan pordiri amemajn parolojn.

Estas neutile nomi tiujn junulojn ĉu ne, kaj estas ankaŭ tute ne necese aldoni, ke ili baldaŭ edziĝis kaj ke ili vivis longe, tre longe, ĉirkaŭitaj de multaj, ĉarmaj infanoj.

Originale verkis,

LUCETTE FAES - JANSSENS.

---

# LA PARDONO.

WILL. CHAUMET.

Jeruzalemo dormis. Antaŭ pordoj
fermitaj, matenruĝ' dissemis rozojn.
La suno jam ekjetis orajn sagojn,
Dormadis sonĝe la silenta urb'.
Subite band-murmuro alteniras
Al ĉiel' vibranta je klarec'.
Kaj kiel ondomov' popolamas'
Sin ĵetas bruegante tra la urb'.
Kaj antaŭ ĝi forkuras spiregante,
Kun hirta la hararo, vestŝirite,
virin', al ebenaĵ' serĉante savon.
Ŝi estas bela, preskaŭ nur infano...
Kuregas time kiel la gazelo,
Senspire baldaŭ ŝi kun korbateg'
haltiĝas kaj senvoĉe ekfalegas.
Por ŝi ekzistas ne kompat', pardon'!
Timeg' larĝigas la okulajn orbojn,
petegas surgenue ŝi ĉielon,
ĉar tuŝis per flugiloj ŝin la mort'...
Kondamno ŝia estis malgloriga:
turment' laŭleĝa estos sed terura...
la morto per ŝtonbatoj pro adult'!
Popol' kolera trenis templon ŝian
mizeran korpon tra la ŝtonetvojo.

---

Jezuo tiam, bela kiel lumo
revenis el olivĝardena mont'.
Preĝante, malrapide pasis Li...
Sed el amas' du brakoj petegante
al Li eletendiĝis por indulg'.
Pardon' briletis en okuloj diaj
kaj la Savanto iĝis nun ĵuĝant':
«Unuan ŝtonon ĵetu tiu kiu
«neniam pekis el vi ĉiuj.» Li,
parolis, kaj la juĝo kiel fulm,
al ili ĵetis honton kaj riproĉon.
Ĉiuj reenpaŝis mortoblankaj.
Kondamnis pastroj, sed la Krist' absolvis.
Mieno Lia lumis ĉielbone.
Li tuŝetante fingre ŝian frunton,
Ŝi kiu nur atendis mort-torturon
revidis feliĉegan la esperon.
Karesa vort' de Krist' konsolis ŝin.
La korpo ŝia ĝoje ektremetis

Ĉar la Sinjor' pardonis!... Ŝi timeme
la kapon levis kaj ŝi, kiel la
abel' mielon ĉerpas el la flor',
El di-okuloj trinkis la ĉielon.
Ravite kaj ekstaze ŝi ekstaris
kaj grave ŝi trapasis la portikon;
kunportis de Jezu' rebrilon helan.
Perdiĝis ŝia ombro en la kampoj...
La turmentistoj ŝiaj verŝis larmojn.
Kaj ŝtonoj glitis el iliaj manoj.
Radiis el ĉielo am' senlima.
La bord' en nesto, best' en subterejo.
La kard' humila kaj la orolivo.
La mar', la rok' kaj tuta la naturo
en preĝ' mallaŭta ŝajnas unuiĝi
pro pento kaj unua la pardon'!

El la franca: HECTOR VERMUYTEN.

Evangelia parafrazo (S-ta Johano, VII - 1-2). Muzika aranĝo por deklamado de l'aŭtoro: eldonisto Adrien Sporck, rue Vignon, 16, Paris.

---

# BELGA KRONIKO.

## ALVOKO AL LA GRUPESTROJ.

Ĉar «Belga Esperantisto» aperos estonte ĉirkaŭ la 15-a de ĉiu monato, ni petas, ke la grupoj sendu al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo, en Gento, antaŭ la fino de la monato, noteton pri sia agado.

---

ANTVERPENO. — En societo de liberpensuloj «De Solidairen», la 10-an de Januaro posttagmeze, paroladis pri Esperanto S-ro Fr. Schoofs, antaŭ aŭdantaro de 40 personoj. La prezidanto Engels, kiu prezentis nian propagandiston, ankaŭ dankis lin por liaj klarigoj pri niaj lingvo kaj movado. Ĉiuj ĉeestantoj esprimis sian deziron pli multe scii pri Esperanto, havigante al si malgrandan gramatikon, kiun la societo «De Solidairen» disponigis al ili. Multon ni ŝuldas al la propaganda laboro de nia samideano De Jongh, Sekretario de citita societo.

**La Verda Stelo.** — La 2an de Januaro, la grupo organizis vesperon en la fama «Pulĉinela Kelo». La kutima «aktoraro» ludis la du teatraĵojn «Ourson en Valentyn» kaj «Jan Breydel». Krom tio ni havis prologon tre lerte en Esperanto verkitan de S-ro Hector Vermuyten. Historia fakto certe estas, ke unuafoje la pulĉineloj parolis en Esperanto. La 9-an okazis en la sidejo societa vespero kaj la 16-an la membroj aŭdis tre interesan paroladon en Esperanto pri «Eficienco» de S-ro Morris De Ketelaere, vicprezidanto de la grupo,kiu sukcesis akiri grandan interesiĝon pri la de li tre klare prezentita temo.

BRUĜO. — La unuan de novembro, delegitaro de la loka grupa, sub la gvidado de sia simpatia prezidanto Sinjoro Dervaux, partoprenis kun

la flago, la oficialan sekvantaron, kiu ĉiujare de post la milito iras al la milita tombejo.

Multaj membroj kaj membrinoj plenumis tiun patriotan devon kaj, je tiu okazo, salutis la amindajn novajn komitatanojn, kiuj funkcilis por la
tiu okazo, salutis la amindajn novajn komitatanojn, kiuj funksciis por la
unua fojo.

La agada Komitato de la Bruĝa Grupo Esperantista estas elektita jene: Prez. S-ro Sylvain Dervaux; Vicprez.: S-ro Leon De Vriendt kaj S-ino Marguerite Algrain-Coucke; Sekr.: S-ro Charles Poupeye; Kasistino: F-ino Alice Boereboom. Tiu komitato tuj komencis la laboron kaj organizis feston, kiu okazis la 3an de Decembro kaj estos brila sukceso. La bela festhalo de «Hôtel du Cornet d'Or» estis vere tro malgranda. La programo estis ege alloga: ĉiuj geartistoj kaj organizintoj meritas varmajn gratulojn. Plezurege oni aplaŭdis: F-inojn Algrain, Alice Boereboom, Bulcke, Coucke, Dosselaere, Haelewyn, Poupeye kaj Van Eenoo;nepriskriblelan gajecon vekigis la Nano Anastrose Padapouloff, kaj ni ne forgesu mencii S-inon Algrain, kaj Gesinjorojn Dervaux, kiuj sindoneme kaj senlace direktis la junularon kaj Ges. Edouard Verbeke, kiuj laŭkutime gastigis amike la Bruĝajn gesamideanojn!

Pro malsano, S-ro De Schepper, Skabeno de Publika Instruado, — kiu deziris la bonvenon al la kongresanoj dum la 13-a Belga Kongreso, — ne povis ĉeesti la feston kaj senkulpiĝis. S-ro Witteryck, Liga Prezidanto, Honora Prezidanto kajn Fondinto de la Bruĝa Grupo, ĉeestis kaj dankis la bonvolajn kunlaborantojn pro la perfekta prezentado de «l'Héritage Klodarec»; li ankaŭ gratulis S-ron Dervaux kaj S-inon Algrain, kaj instigis la ĉeestantojn sekvi la kurson, kiu komencos la 10an de Decembro. Belega loterio finigis tiun ege belan feston.

Tiu propaganda vespero certe multe helpis por alkonduki la 105 gelernantojn al la Esperanto-kurso, kiun gvidas la Prezidanto mem.

Fine la grupo povas ankaŭ fieriĝi pro la fakto, ke ĝia prezidanto S-ro Dervaux sukcesis akiri subvencion de 150 fr. de la Urbestraro por organizo de Esperanto-kursoj en 1926.

MEĤLENO. — La 12-an de Decembro ni festis per amuza balo en nia sidejo kafejo «Frascati» la datrevenon de naskiĝo de nia kara Majstro D-ro Zamenhof. Je noktmezo la muzikistaro ludis la himnon.

La 27-an de Decembro okazis ĝenerala kunveno de la Grupo la jena komitato estis elektata; Prez. Sinjoro A. Baesens, Viv-Prez. Sinjoro D-ro P. Andries, Sekretario; Sinjoro F. Van Camp, Kasisto Sinjoro P. De Vleeschouwer, Bibliotekisto Sinjoro Leo Ardies.

---

# BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «De Nieuwe Gazet» 11-1: raporto pri propaganda parolado de S-ro Schoofs en societo «De Solidairen». — Raporto pri parolado de S-ro J. Jacobs pri kokbredado en novfondita grupo Rekta Vojo.

«De Tribuun» Jan. 26: Anonco pri la suprecitita parolado Schoofs.

BRUĜO. — «La Patrie», 6-12: raporto pri la kunsido de la urba konsilantaro, kiu akceptis doni monhelpon de Fr. 150 al la loka grupo por la organizo de Esperanto-kurso.

La programo de la lumbildejo «Vieux Bruges» enhavas anoncon pri la kurso, kiun la grupo organizas.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen», 23-12: komuniko de la loka grupo.

NAMUR. — «La Province de Namur», 17-1: noto pri la revuo «Belga Esperantisto».

VERVIERS. — «Le Travail», 6-12: artikolo pri Esperanto en la Praktiko.

---

## RADIO-GAZETARO.

«Radio-Belge»: 23-12: Du piedoj, unu por hispana —, alia por franca lingvo, kiel lingvo de telefonio senfadena; 30-12: alia pledo por Ido.

---

## NEKROLOGO.

Mortis en Antverpeno S-ro Amand Van Assche, patro de nia samideano Armand Van Assche, komitatano de «La Verda Stelo». Al li kaj al lia familio ni prezentas niajn korajn kondolencojn.

Al la grupo «Frateco» de Zaragossa (Hispanujo), malnova abonanto de nia revuo, ni sincere kondolencas pro la perdo de ĝia sekretario, S-ro Emilio Gaston Ugarte, Advokato.

Al S-ro R. Kiere, el Lieĝo, ni prezentas niajn kondolencojn pro la morto de lia patrino.

---

## PROGRAMOJ.

Sub ĉi tiu nova rubriko ni konigos la programojn de niaj ligaj grupoj, kiuj sendos al ni la necesan materialan koncize redaktitan antaŭ la fino de ĉiu monato.

---

GRUPO «LA VERDA STELO», ANTVERPENO:

Febr. 6-an, je la 8a h. vespere en loko «Quatre Nations», Cellebroedersstraat (rue des Frères Cellites): «Granda Dancfesto».

Febr. 13-an, je la 8a h. vesp. en loko «De Witte Leeuw», Frankrijklei, 4 (Avenue de France): «Amuza vespero».

Febr. 20-an, je la 8a vesp. en loko «De Witte Leeuw»: «monata oficiala kunveno de la membroj».

Febr. 27-an, je la 8a h. vesp. en loko «De Witte Leeuw»; «antaŭ-legado de Fraŭlino C. De Buyser».

Avizo al la membroj: bonvolu pagi vian kotizon (Fr. 15.—) kiel eble plej baldaŭ al nia poŝtĉekkonto No 726.54.

# ESPERANTO FACILA.

Sub tiu-ĉi titolo aperos de post Januaro 1926, rakontoj infanaj, versaĵoj facilaj, kantetoj, k. t. p.

En la komenco, tiuj artikoloj estos plejparte tradukaĵoj sed iom post iom ni havigos al la legantoj, originalaĵojn. Tial, ni faras tie ĉi varman alvokon al ĉiuj por kunlaborado. Ne estas agrable, ĉiam aŭdi la saman voĉon, kiu predikas ĉiam sammaniere! Ni deziras fari de tiu ĉi parto de nia revuo, interesan anguleton, kaj tio povas nur efiki se la rubriko trovas bonan akcepton, kiu estos pruvata al ni per alsendo de facilaj verketoj, taŭgaj por la nova rubriko.

Ni esperas sukceson kaj asertas al ĉiuj, ke ni klopodos kontentigi ilin per nia laboro.

Jen do la unua provo: rakonto el flandra leglibreto.

---

## LA VERDA PINO.

Iam estis birdeto kaj tiu rompis, o la malfeliĉuleto! sian flugilon.

Kiam ĝiaj amiketoj sentis,ke malvarmiĝis, ili flugis for al la varmaj landoj. La hirundo foriris, la najtingalo, la kukolo, la alaŭdo kaj ankoraŭ multaj aliaj birdoj.

Nia birdeto ne povis kunvojaĝi kaj restis tie ĉie. Ĝi frostotremis kaj serĉis iun loketon, kie ĝi sidus varme.

Ĝi sin kaŝis sub la foliojn de la fago kaj tie sidis agrable ekster la vento.

«For, birdo, diris la fagarbo, for de miaj branĉoj!»

Tiam la malfeliĉa besteto sidiĝis sur branĉon de la kverko kaj trovis tie ĉi denove iun varman lokon.

«For, birdo, kriis la kverko, flugu rapide al viaj amikoj. Mi volas dormi».

Tiam kaŝis sin nia birdeto sub la foliojn de ĉerizujo.

«For, sentaŭgulo, diris la ĉerizarbo tre kolere, vi frandis tro multe de miaj fruktoj, foriru nur nun!»

Nia birdeto estis malĝoja kaj ne sciis kien flugi.

Tie staris granda pomujo.

«Kara arbo, mi sidis la tutan someron sur viaj branĉoj kaj mi mortpikis mil vermetojn, kiuj detruis viajn pomojn. Ĉu mi povas serĉi iun varman loketon sub viaj folioj?»

Kiu estas vi?» diris la pomarbo. «Mi ne konas vin. Forflugu nur baldaŭ.»

Malfeliĉa birdeto kun sia rompita flugilo. Kion ĝi faros nun?

«Venu nur apud min, kara aĵo, vokis la pino, kaŝu vin sub miajn foliojn. Tie vi sentas venton malvarmon.»

«Manĝu nur de miaj ruĝaj beroj, diris arbeto, kiu staris je la piedo de la pino».

Kaj la birdeto ĝojis kaj ne plu timis la malvarman vintron. Ĝi sidis agrablevarme en sia folia dometo.

Kaj dum nokto kiam la ĉielo estis blua kaj plena je steloj, venis la Frostulo (1). Lia blanka barbo pendis sur lia peltogarnita palto.

Li vidis tie supre la birdeton kaj demandis kion ĝi faris tie.

Ĝi rakontis ĉion.

O ,o, diris la Frostulo kaj li estis kolera. Li blovigis forte la nordan venton. La folioj falis de ĉiuj arboj, sed ne de la pino kaj ne de la verda arbeto kun la ruĝaj beroj. Ambaŭ estis bonaj por la birdeto kun la rompita flugilo.

Kaj ekfrostis kaj ekneĝis!

**Tradukis W. De Schutter el la flandra originalo: «Binnen en Buiten», III, de Fons Van Hoof.**

(1) Frostulo: flandre: Vriezeman. — france: le Père Noël.

# PROBLEMOJ (o).

No 1. SENSIMETRIA KRUCVORTA PROBLEMO.

(La ciferoj rilatas al vorto, kiu havas tiom da literoj, kiom estas da sinsekvantaj liberaj kvadratetoj. Ekz. 1. rilatas al vorto deklitera ĉu horizontale ĉu vertikale. 2. al vorto 8-litera vertikale, 10. al vorto 7-litera horizontale, k. t. p. En la kalkulo de la literoj de la diversaj vortoj oni ne aldonis la o, a, e, finaĵoj de la substantivoj, adjektivoj kaj adverboj.)

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | | 8 | 9 |
| 10 | | | | | | | | 11 | |
| 12 | | | | | | | 13 | | |
| 14 | | | | | | 15 | | | |
| 16 | | | 17 | | 18 | | | | |
| 19 | | 20 | | | | | | 21 | |
| 22 | | | | 23 | | | 24 | | |
| 25 | | | | 26 | | 27 | | | |
| | | 28 | 29 | | | 30 | | 31 | |
| 32 | | | | | 33 | | | | |

HORIZONTALE.

1. De Londono al Washington en kvin minutoj
10. Malsano de la okulnervo
11. Muziknoto
12. Ĝi varmiĝas
14. Muzikinstrumento
15. Fiŝo
16. Pronomo
17. Sur maro, dum malbona vetero
19. Politikisto ĝin timas au deziras
21. Finaĵo
22. Relegia ceremonio
23. Ĉiu kiu manlaboras iun bezonas
24. Birdo
25. Finaĵo
26. Supreniras kaj malsupreniras
28. Hontigis la mallaŭdantojn de fama naviganto
30. Kreskaĵo
32. Frukto
33. Birdo

VERTIKALE.

1. Ilia graveco en strategio pli kaj pli malgrandiĝas.
2. Kreskaĵo
3. Supo
4. Unua Di-verkaĵo...
5. Maristo ĝin nepre bezonas
6. Besto
7. Anstataŭante la 2-an kaj 6-an literojn, oni havas egan ter-etendaĵon
8. Greka vorteto, kiun oni uzas por la kunmetado de internaciaj, kaj ankaŭ kelkaj esperantaj vortoj.
9. La fajrogardistoj multajn havas.
13. Akventendaĵo
17. Cifero
18. Floro
20. Sufikso
21. La plimulto estas nun en U. S. A.
24. La ludkartamantoj ĝin ŝatas.
27. La suno en somero leviĝas
28. Cifero
29. Komencliteroj de konata simbolo
31. Trinkaĵo.

No 2. AKROSTIKAĴO.

Antaŭ ĉiu el la sekvantaj vortoj, metu unu literon, por formi aliajn vortojn. La aldonitaj literoj, akrostike legataj donos faman historian frazon.

ago — bato — leki — tero — aŭ — vidi — do — en — bono — kolo — inko — dresi — akso — ano — pro — arto — igi — lasta — aro — rido — esti — velo — ino — tenti — akto — pistolo — aŭdi — iam — li — rano — odo — rava — resti — sono — isto — relo — ado —

Solvojn oni sendu al ni antaŭ la 20a de Februaro 1926, prefere skribitajn sur poŝtkarto. En la lasta numero de la 12a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintojn. Belaj premioj estos alujuĝataj.

---

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA.

**Metodo de Propagando en la Scienca kaj Teknika Gazetaro.**

La Internacia Scienca Konferenco de Parizo (Majo 1925) rekomendis klopodi por ke la sciencaj kaj teknikaj Revuoj de ĉiuj landoj publikigu esperantajn resumojn de la artikoloj redaktitaj en naciaj lingvoj. Je la monato de Oktobro 1926, la 1a **Internacia Kongreso de la Teknika Gazetaro**, sidanta ĉe Parizo, esprimis la saman deziron.

Ĉar estas ofte malfacile sukcesi, kiam oni nun petas tion de la Revuoj, jen alia pli simpla metodo, kiu estos eble pli afable akceptata.

Tiuj resumoj estos utilaj al la alilandaj legantoj de la Revuoj, sed ankaŭ, kaj ĉefe, al la alilandaj samfakaj Revuoj, kiuj, per ili, povos publikigi resumojn de la plej interesaj artikoloj. kaj konigi al siaj legantoj la verkojn de iliaj alilandaj kolegoj.

**Por atingi tiun celon, sufiĉus ke la resumoj de ĉiu numero estu publikigotaj daktilografe sur aparta folio, kaj sendataj al ĉiuj samfakaj Revuoj alilandaj.**

Ĉar sufiĉos du paĝoj, kaj ĉar la nombro de la samfakaj Revuoj ne estas granda (eble maksimume cent), la elspezo povas esti facile pagata de ĉiu Revuo, eĉ ne grava.

Direktoro de Revuo, kiu estos ricevinta kelkajn tiajn resumojn de diverslingvaj samfakaj kolegoj, komprenos utilecon de tiu metodo — kaj de Esperanto —; li aplikos mem la metodon, kaj verŝajne fariĝos propagandisto de nia lingvo.

Sekve la esperantaj Societoj de Specialistoj, la Naciaj Societoj de propagando, la naciaj Grupoj, eĉ ĉiuj samideanoj, devus agadi tiamaniere koncerne la teknikajn Revuojn al kiuj ili povas sin turni; ili havos kelkajn ŝancojn de sukceso. Komence ili proponos traduki mem la resumojn; aliparte S-o Kamaryt iniciatis jam tiun proponon, kreante sciencan sekcion en la Ĉekoslovaka Societo por fari tiajn tradukojn. Tio estus interesa kaj instrua laboro por la lokaj Grupoj, kies Kunsidoj estas ofte nemulte interesplenaj.

Oni, se eble, komencu tiun agadon en la radiotelefona gazetaro, kie nun nia propagando prosperas; sed ĝi estu ankaŭ provita en la aliaj teknikoj.

Pri la teknikaj terminoj, jam multaj troviĝas en la naciaj vortaroj de la kutima lingvo, aŭ en la Enciklopedia Vortareto de Verax; aliparte, laŭokaze oni uzos la terminon uzitan en iu el la ĉefaj naciaj lingvoj, substrekante ĝin kaj aldonante inter krampoj la naciecon de la lingvo.

Rollet de l'Isle.

# DIVERSAJ INFORMOJ.

## RADIO. — GRAVA ANONCO.

Lastan vintron la esperantistoj de la ĝemelurboj Minneapolis kaj St. Paul, Minnesota, Usono, dissendis sian unuan programon en Esperanto pere de la potenca radio stacio WCCO. La rezultato estis tiel bonega ke la estraro de WCCO volonte konsentis, ke ni dissendu alian programon. Ĝi okazos la 12-an de Februaro, je la datreveno de la mondfama Usona eksprezidanto Abraham Lincoln, kaj estos do Lincoln'a programo. La programo komencos je la 11,30 horo nokte. Oni elektis malfruan horon por ke la aero estu pli libera kaj por ke oni estu pli certe aŭdata ne nur en tuta Usono sed ankaŭ en Eŭropo.

En mez-Eŭropo la tempo estos ĉirkaŭ la 5-a horo matene la 13-an de Februari.

WCCO, Ora Medalo Stacio, estas propraĵo de Washburn Crosby Kompanio, muelistoj de la fama Gold Medal Flour (Ora Medalo Faruno). La funkciadon de la stacio kontrolas 500 subskribantoj de Minneapolis kaj St. Paul. WCCO, kun potenco da 5.000 ŭatoj, estas unu el la 14 plej potencaj stacioj en Usono. La ondlongeco estas 416.4 metroj.

Ni urĝe petas ĉiun leganton, ke li nepre skribu al WCCO, Gold Medal Station, Minneapolis, Minnesota, U. S. A., pri lia sukceso aŭ malsukceso en la aŭdado de la programo. La esperantista movado tie ĉi estas nova sed tre vigla. Vi montru la vivecon de la movado ĉe vi per nepra letero aŭ karto.

Dr LEHMAN WENDELL, Prezidanto Twin City Esperanto
Club. 615 La Salle Bldg. Minneapolis, Minnesoto, U.S.A.

## ŜUFAKULOJ. GRAVA ENKETO.

Por kolekti materialon pri la unua stato de la ŝu komerco kaj industrio tutmondaj mi alvokas la afablan kunhelpon de ĉiuj ŝufakuloj-esperantistoj. Ĉar per ĉi-nia laboro mi volas **pruvi la praktikan valoron de Esperanto** al oficiala organo mi certas ke ĉiuj kunhelpos laŭforte. Mi bezonas informojn kaj artikolojn kiel eble plej detalajn pri la jenaj temoj:

1) La hodiaŭa situacio de la ŝu komerco kaj industrio en la diversaj landoj.

2) La evoluo de la fabrikado, eksporto kaj importo depost la mond'milito. Komparo de l'stato inter hodiaŭ kaj la antaŭmilita tempo (Precipe en la ekstereŭropaj landoj).

3) Propagand'manieroj kaj reklamo de la ŝumagazenoj (se eble kun aldono de afiŝoj kaj gazet'anoncoj).

4) Fakgazetoj kaj ŝumodgazetoj ilustrataj.

5) Aktualaj temoj ekz.: la sukceso de la antaŭ-kristnaska komerco. k. t. p., k. t. p.

Skribu ankaŭ pri temoj koncernantaj ĉi-tiun aferon ne de mi menciitaj. Nacilingvaĵojn (krom angla kaj franca) klarigu per kelkaj tradukantaj vortoj!

Mi dankas antaŭe al ĉiuj afablaj kunlaborontoj kaj restas je ilia dispono por reciprokaj servoj. Rekompenĉon monan mi ne povas premesi sed donos se iel eble. Pri la sukceso de mia enketo mi raportos.

**Skribu tuj! La afero urĝas!**

E. WIENER del. U. E. A.,
Rauhentalstr. 2. — Meissen a/E. (Germanio).

---

DEZIRAS KORESPONDI.

S-ro JOSE GRIFE SOLER, 19 Monistrol de Montserrat, Manresa (Prov. Barcelona, Hispanujo), ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro GIORGIO CRISTOFOLINI, S. Croce No 2, Trento (Italujo) kun fraŭlino.

S-ro JOSEFO KRATOCHVIL, oficisto de la elektra tramvojo. Riegr. placo No 7 n., Praha-Nusle (Ĉehoslovakujo), poŝtmarkoj.

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

**(Fondita en 1905a.)**

## REGULARO.

### 1. — CELO KAJ AGADO.

Art. 1. — Sub la titolo: «Belga Ligo Esperantista» estas fondita societo de adeptoj kaj aprobantoj de Esperanto en Belgujo.

Art. 2. — La «Belga Ligo Esperantista» celas propagandi ekster ĉia politika aŭ religia demando, la helpan lingvon internacian Esperanto, kaj pligrandigi la interrilatojn de Belgujo kun la eksterbelgaj landoj. Ĝi nur propagandas la lingvon internacian kiel ĝi estas elpensita de D-ro L. L. Zamenhof, kaj kies evoluon la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio difinos.

Art. 3. — Por trafi tiun celon, la Ligo kreas monan kapitalon por helpi la grupojn, garantii la vivadon de l'oficiala organo de la Ligo. eldoni kaj dissendi ĉiuspecajn presaĵojn propagandajn, organizi paroladojn, kursojn kaj ekspoziciojn Esperantajn, kaj efektivigi ĉiajn projektojn kiuj, post matura pripenso de la komitato de la Ligo( montriĝis utilaj, aŭ helpi al ilia efektivigo.

### II. — LIGANOJ, ALIĜINTOJ GRUPOJ, KOTIZOJ.

Art. 4. — La Ligo estas kunmetata de liganoj kaj aliĝintaj grupoj. Povos esti elektataj kiel honorajn membrojn, la personoj kiuj estis utilaj al la esperantista afero.

Art. 5. — La kotizaĵoj de la liganoj estas jenaj:

a) Ĉiuj liganoj pagas ĉiujaran kotizaĵon de almenaŭ 10 fr. aŭ sumon de 100 fr., pagatan unu fojon por ĉiam.

b) La liganoj, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon de almenaŭ 25 fr. aŭ sumon do 500 fr. pagatan unu fojon por ĉiam, estas nomataj «Protektantaj Liganoj».

c) La liganoĵ, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon de almenaŭ 50 fr. aŭ sumon da 1000 fr. pagatan unu fojon por ĉiam estas nomataj «Bonfarantaj Liganoj».

La liganoj, protektantoj kaj bonfarantoj ricevos de la Ligo la oficialan organon.

Art. 6. — La grupo, kiu deziras aliĝi al la Ligo sendos al la ligestraro peton Esperante redaktitan, kaj subskribitan de almenaŭ la plimulto de la komitatanoj.

Estos aldonitaj:

a. — La plena regularo de la grupo, Esperante redaktita, kaj subskribita de la samaj komitatanoj, kiuj certigos, ke tiu regularo estas aprobita de la ĝenerala kunveno.

b. — La plena nomaro kun adreso de la gegrupanoj.

La liga komitato esploros tiujn dokumentojn dum la plej proksima kunveno kaj konigos la decidon al la petanto.

Kiu ajn ŝanĝo al la regularo de aliĝinta grupo devas esti konigata al la ligestraro, kiel eble plej baldaŭ.

Ĉiujare la aliĝintaj grupoj sendos antaŭ la Ia de Februaro al la sekretariejo de la Ligo, la plenan nomaron de la gegrupanoj kaj de la komitato.

La nombro de membroj de tiu nomaro estos uzata dum la venonta jaro por fiksi la kotizaĵon pagotan kaj la nombron de voĉoj kiujn la grupoj rajtas ĉe la komitato.

La grupoj pagas pomembran kotizaxon de 1 franko kun minimumo de 15 frankoj.

Ĉiu grupo rajtas tiom da voĉoj ĉe la komitato, kiom ĝi kalkulas da du-dek-kvinoj da membroj; tamen, tiuj voĉrajtoj estos reprezentataj makslmume per du delegitoj.

Ĉiu grupo rajtas unu voĉon.

La Liga jaro komenciĝas la unuan de majo.

## III. — ORGANIZO KAJ FUNKCIADO DE LA LIGO.

Art. 7. — La direktanta komitato konsistas el:

a) la delegitoj de la grupoj.

b) Maksimume ses membroj elektitaj de la grupaj delegitoj, kiuj ne rajtas elekti pli ol du membrojn el la sama grupo.

La direktanta komitato elektas ĉiujare inter siaj membroj, la ligestraron, kunmetitan de unu prezidanto, du vicprezidantoj, unu ĝenerala sekretario kaj unu kasisto.

Tiu baloto okazos dum la komitata kunveno, kiu sekvos la ĝeneralan kunvenon.

La kandidatoj estos prezentitaj antaŭ la voĉdono.

La delegitoj plenumante mandaton, estas fakte, konsiderataj kiel kandidatoj.

Art. 8. — La grupoj havigos ĉiujare al la sekretariejo, antaŭ la unua de februaro, la nomaron de siaj delegitoj.

Art. 9. — La grupoj tuj anstataŭigas siajn delegitojn eksiĝintajn aŭ mortintajn.

Art. 10. — La direktanta komitato kunvenas almenaŭ du fojojn ĉiujare; nur la ĉeestantaj komitatanoj povas voĉdoni.

La komitato povas voĉdoni nur se almenaŭ la duono de la grupaj delegitoj ĉeestas la kunvenon. En okazo de ne-voĉdomo pro nesufiĉa ĉeesto de la komitatanoj, dua kunveno povas decidi pri tiuj jam priparolitaj demandoj kiom ajn estas la nombro de ĉeestantoj en tiu dua kunveno.

Se iu delegito ne povas ĉeesti en iu kunveno de l'komitato, li povas sin anstataŭgi laŭ reguloj difinitaj de sia grupo mem.

La komitatanoj elektitaj de la grupoj delegitaj ne povas siu anstataŭigi.

Art. 11. — La direktanta komitato direktas la aferojn de la Ligo kaj la propagandon, konforme je la celo de la Ligo.

En okazo de voĉdono, se la kontraŭdirantaj partoj de la komiato estas samnombraj, la prezidanto sola decidas.

Art. 12. — Ĝenerala kunveno de la Ligo okazas ĉiujare dum la nacia kongreso en la urbo definita de la ligestraro.

Ĉe tiu kunveno, inter aliaj, la komitato raportas pri sia agado kaj pri la monelspezoj de la pasinta jaro.

La tagordo estas sendata al la liganoj almenaŭ dek tagojn antaŭ la kunveno.

## IV. — ORGANO DE LA LIGO. — ŜANĜOJ EN LA REGULARO.

Art. 13. La Ligo eldonas kiel sian oficialan organon la revuan: «Belga Esperantisto». La abono estas deviga por ĉiuj liganoj, ĉu izolaj, ĉu aliĝintaj fur la grupoj.

Art. 14. — La proponoj pri iaj ŝanĝoj en la regularo devas esti aprobitaj en komitata kunveno de la du trionoj de la voĉrajthavantaj ĉeestantoj antaŭ ol esti prezentataj en ĝenerala kunveno.

Tiuj ŝanĝoj estos prezentataj al ĉiuj delegitoj, almenaŭ du semajnoj antaŭ la kongreso. Ili estos konigataj cirkulere antaŭ la ĝenerala kunveno, al ĉiuj liganoj partoprenontaj en la kongreso.

Por ke la ŝango estu akceptata de la ĝenerala kunveno, ĝi devas ricevi almenaŭ la 2/3 de la voĉoj.

Art. 15. — La demandoj je kiuj ne respondas iu artikolo de la nuna regularo, estas solvataj de la direktanta komitato.

Pri urĝaj demandoj la ligestraro decidas.

## V. — ORGANIZO DE LA NACIAJ KONGRESOJ.

Art. 16. — La estraro de la Belga Ligo Esperantista zorgas pri la organizado de la Belgaj Kongresoj. Ĝi komisias lokan komitaton por prizorgi, interkonsente kun la prezidanto de la Belga Ligo, ĉion kio ne rilatas la ĝeneralan kunvenon, kies organizo koncernas nur la ligestraron.

Belga Kongreso konsistas el:

1e «**La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista**». Rajtan ĝin partopreni:

a) ĉiuj belgaj esperantistoj kiuj estas ĉu senpere, ĉu pere de ia belga grupo, anoj de la Ligo;

b) ĉiuj esperantistoj, aŭ amikoj de Esperanto, ĉu belgaj, ĉu eksterlandaj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

2e «**La neoficialaj festoj**». Povas ilin partopreni ĉiuj esperantistoj, aŭ amikoj de Esperanto, ĉu belgaj, ĉu eksterlandaj, kiuj pagis la kongresan kotizaĵon.

Rajtas voĉdoni nur la belgaj esperantistoj, anoj de la Ligo, kiuj estas aemenaŭ dekokjaraj. Neniu havas rajton je pli ol unu voĉo.

Voĉrajtkarto estos disdonata al la liganoj.

La ligestraro zorgas por ke la kontrolo de la voĉrajto estu efika.

**1926! Ne forgesu 1926!**

**repagi vian abonon!**